# LA LAMPIRO

56-a jaro N-ro 135 2015:1



Papiliejo
ÁGUIAS DA SERRA

Pagu, la muzo

Paranapiakabo

Kaŝfeliĉo

# Sonlibroj por aŭskulti kaj ĝui kie ajn!







**Fabeloj de Andresen**

(volumoj I kaj II) tradukitaj de Zamenhof kaj voĉlegitaj de Stano Marĉek. Entute estas 16h44min da sonregistroj en 2 DVDj.

**Fabeloj de la fratoj Grimm**

Tradukitaj de Kazimierz Bein (Kabe) kaj voĉlegitaj de Stano Marĉek. Entute estas 7h32min da sonregistroj en unu sola DVD.

easp.org.br/butiko




Ambraflugila metono

**LA LAMPIRO** *56-a jaro n-ro 135 2015:1*

**Organo de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo**
(Aperas trifoje dum la jaro)

**Ĉefredaktantoj**: Francisco S. Wechsler (esperanto@fswechsler.com) kaj Paulo S. Viana (psviana@terra.com.br)

**Grafikaranĝo**: Francisco S. Wechsler

*La redaktantoj ne respondecas pri la subskribitaj artikoloj*

---

# easp

**Esperanto-Asocio de San-Paŭlo**
Fondita en la 29-a de Marto 1937

**Propra sidejo**
Rua Faustolo, 124 - Água Branca
05041-000 São Paulo, SP - Brazilo
Telefono: (11) 3862-1183
easp.org.br | contato@easp.org.br

**Jarkotizo por 2015**

| | |
|---|---|
| Simpla Membro | R$ 120,00 |
| Subtena Membro | R$ 240,00 |
| Ŝtatinterna Membro | R$ 60,00 |
| Aligita Grupano | R$ 36,00 |
| Aliĝinta Grupo | R$ 20,00 |



**Deĵoroj**: lunde: 12h – 16h; marde 9h – 18h; merkrede kaj ĵaŭde: 14h – 18h; vendrede: 14h – 18h; sabate: 9h – 18h.

## ENHAVO

# Enkonduko

Estimataj Gelegantoj:

Ni komencas ĉi tiun numeron per insektoscienco! Ne surpriziĝu: Paulo Sergio Viana kondukas nin al ĵus inaŭgurita paradizo de lepidopteroj, nome la papiliejo de la urbo Sanpaŭlo, kiu jam allogas multajn turistojn kaj lernejanojn.

Daŭrigante sian serion pri verkistoj el la ŝtato Sanpaŭlo, Paulo Sergio prezentas superrigardon pri la verkaro kaj vivo de Patrícia Rehder Galvão, kutime konata per sia kromnomo Pagu. Ŝi estis unu el la ĉefaj figuroj de la modernisma movado en Brazilo, kaj dum sia vivo spitis plurajn tiamajn morojn.

Ĉu vi jam scias, ke la venonta Esperanto-Kogreso de Sanpaŭlo okazos en la ĉarma urbeto Paranapiakabo? Paulo Sergio gvidas nin en vizito al tiu loko, kaj prezentas la estontan kongresejon, krom pluraj turismaj allogaĵoj.

Maria Nazaré Laroca per la eseo *Kiu timas poezion?* montras al ni la konsternan fakton, ke homoj ordinare preferas aĉeti malaltkvalitajn librojn. Ŝi ankaŭ montras, kiel Poezio igas onin pensi la senton kaj senti la penson, do ekzerci la menson por atingi pli altajn celojn.

Nuntempe plagas Brazilon epidemio de dengo, kaj ĉiutage ni ricevas maltrankviligajn novaĵojn pri ĝia disvastiĝo. Sed ne ĉio estas malbona: en la sekcio pri sciencaj novaĵoj ni prezentas artikolon pri ĵus ellaborita sensilo, kiu faciligos la fruan diagnozon de tiu malsano. La teksto ankaŭ celas iom alproksimigi vin al medicina vortprovizo.

Francisco S. Wechsler tradukis la mallongan, kortuŝan, sed ne sentimentalan rakonton *Kaŝfeliĉo*, verkitan de Clarice Lispector, unu el ĉefaj beletristinoj de Brazilo. Kiel rafinite kruelaj povas esti kelkaj infanoj kaj adoleskuloj!

Sekvas artikoleto verkita de Francisco, kiu atentigas pri pluraj misuzoj de la vorteto *ke*, kiujn faras Brazilanoj, pro influo de la Portugala lingvo. Nu, ni scias, ke vi neniam eraras ĉi-rilate; tamen aliuloj…

Kaj por malpezigi la enhavon de nia revuo, ni ankaŭ enmetis du anekdotetojn, kiuj espereble ridigos vin.

Finas ĉi tiun numeron serio da novaĵoj pri la Esperanto-movado en la ŝtato Sanpaŭlo, redaktitaj de Aparecida Araújo en la Portugala, celante diskonigon al ne-Esperantistoj.

Ni kore esperas, ke vi ĝuos unu plian fojon nian revuon, kaj ankaŭ ke vi kontribuos al ĝia pluekzistado per artikoloj, tradukoj.

Bonan legadon!

La redaktistoj

# La unua papiliejo en Sanpaŭlo

**Paulo Sergio Viana**



Raŭpo de *Danaus plexippus* (monarĥa papilio)

En la monato Februaro 2015 inaŭguriĝis en la urbo Sanpaŭlo unu plia mirinda turisma allogaĵo: Papiliejo *Águias da Serra* (Montaraj Agloj), en la suda regiono de la urbo, ŝoseo Ponte Alta 1300. Temas pri granda parko dediĉita al bredado de papilioj. Ili estas preskaŭ du mil, kiuj ravas la vizitantojn. Tie oni povas admiri ilin dum oni aŭskultas klasikan muzikon. La tuta ejo okupas areon de 250 mil kvadrataj metroj. La celo estas ne nur turisma, sed precipe eduka kaj naturvaloriga. Lernejanoj povas plani vizitojn dum la semajno kaj simplaj vizitantoj en sabatoj kaj dimanĉoj.

Papilioj estas insektoj el la ordo "lepidopteroj". Ĉi tiu vorto signifas *skvamajn flugilojn*, ĉar ĉiu individuo ellasas specon de polvo, kiam oni prenas ĝin. Tiu polvo fakte konsistas el tre malgrandaj skvamoj, kiuj faras la kolorojn de tiuj belaj insektoj. Ekzistas 150.000 specioj da papilioj en la mondo kaj plej multaj el ili estas noktopapilioj. Ili havas malvarman sangon kaj preferas varman klimaton.

Papiliejoj ne estas oftaj en Brazilo. La Sanpaŭla inspiriĝis je Eŭropaj modeloj, precipe Anglaj. La vivociklo de papilioj estas delikata fenomeno. La ovoj estas elmetataj en la papiliejo mem, kaj oni transportas ilin al laboratorio. Tie ili estas prizorgataj ĝis ili transformiĝas en plenkreskajn papiliojn. Raŭpoj povas kreski ĝis ili fariĝas 1000-oble pli grandaj ol en la komenco de sia elvolviĝo. En la naturo, el 100 ovoj, nur du sukcesas fini la ciklon. En la papiliejo, 98 atingas tion. En ĉi tiu papiliejo oni produktas ĉirkaŭ 300 papiliojn ĉiutage. Oni konsideru, ke la tuta vivo de plej multaj papilispecioj daŭras apenaŭ kelkajn semajnojn.



*Methona themisto* (ambraflugila metono)

Legu pli ĉe: `http://borboletarioaguiasdaserra.com.br/fotos-borboletario-borboletas/`

# Pagu — muzo de modernismo en Brazilo

**Paulo Sergio Viana**



Patrícia Rehder Galvão, konata kiel Pagu, estis unu el la ĉefaj virinaj figuroj en la modernisma movado en Brazilo, kiu komenciĝis en la jaroj post 1920. Ŝi tamen ne partoprenis en la fama Semajno de Moderna Arto, kiu okazis en Sanpaŭlo, en la jaro 1922, ĉar tiam ŝi estis nur 12-jara. Ŝi naskiĝis en la urbo Sanĵuan-da-boa-visto (São João da Boa Vista), en 1910, kaj mortis en la urbo Santo (Santos), en 1962.

Kvankam ŝia devenfamilio estis konservema kaj tradicia, ŝi estis tre ekstravaganca persono, en sia tempo: ŝi fumadis, montris neordinarajn harfrizaĵojn, surportis travideblajn vestojn, ofte parolis maldecajn vortojn. Estante 15-jara, ŝi unuafoje verkis por ĵurnalo.

Pagu edziniĝis plurfoje — kio same ne estis kutima afero tiutempe —, ĉiam al intelektuloj. Ŝi fariĝis aktiva membro de la Brazila Komunisma Partio. Pro tio ŝi estis la unua Brazila virino arestita en nia lando pro politikaj kialoj. Okaze de la diktatora regado de Getúlio Vargas, ŝi restis en karcero dum kvin jaroj, kaj suferis torturadon.

Pagu publikigis la romanon *Parque Industrial* (Industria Parko), kiun oni rigardas la unua proletromano en Brazilo. Ŝia alia romano havas la titolon *A Famosa Revista* (La Fama Revuo). Ŝi verkis ankaŭ detektivromanojn kaj poemojn, kaj tradukis en la Portugalan






lingvon verkojn de Joyce, Ionesco, kaj Arrabal.

En la jaro 1988 oni lanĉis biografian filmon en Brazilo, sub la titolo *Para sempre Pagu* (Por ĉiam Pagu).

Ĉi-sube ni prezentas tradukon de unu ŝia poemo.

*Kanalo*

*Mi estas nenio alia ol kanalo*
*Eventuale mi povus esti verda*
*Sed ĉiuj esperoj estas mortintaj*
*Mi estas kanalo*
*Ĉu vi scias, kio estas kanali?*
*Nur kanali?*

*Memkompreneble, kanalo havas siajn nervurojn*
*Siajn nebulojn*
*Siajn algojn*
*Verdajn etajn nereidojn, foje flavajn*
*Sed bonvolu*
*Ne pensu, ke mi intencas paroli*
*Pri flagoj*
*Tute ne*

*Mi amas flagojn etenditajn en vento*
*Ŝipflagojn.*
*Ili estas la samaj stratoj,*
*Asfaltaĵoj kun la samaj truoj,*
*Lumigitaj diboĉejoj,*
*Kio okazas?*
*Estas vere, ke la vento blovas el nord-okcidento*
*Staras knaboj en drinkejoj,*
*Mi ne scias, kio plia.*

*Ni diru, ke tio estas novluno,*
*Ke jen planteto flugetas antaŭ mi.*
*Rememoroj pri miaj mortintaj amikoj,*
*Rememoroj pri ĉio, kio okazis,*
*Io ŝvebas en la aero...*
*Ni diru, ke tio estas novluno*
*Kiu prilumas la kanalon*
*Eventuale ĝi estus verda*
*Sed ĉiuj esperoj estas mortintaj*
*Mi estas kanalo.*



# Paranapiakabo — ĉarma loko por nia kongreso

**Paulo Sergio Viana**



Laŭ propono de samideano Cândido Ruiz, loĝanto en la urbo Santandreo (Santo André), la Estraro de EASP decidis akcepti la vilaĝon Paranapiakabo (Paranapiacaba) kiel sidejon de la 9-a Ŝtata Kongreso de Esperanto, de la 10-a ĝis la 12-a de Oktobro 2015. Estraranoj jam dufoje grupe vizitis la lokon por prizorgi la kondiĉojn.

Paranapiakabo apartenas fakte al la municipo Santandreo kaj situas 90 kilometrojn for de la urbo Sanpaŭlo. Ĝi estas historia loko, laŭleĝe protektata kontraŭ detruo kaj modifoj. Angloj starigis la vilaĝon en la mezo de la 19-a jarcento, kun la celo plenumi kontrakton kun la tiama Brazila imperio: konstrui unu el la unuaj fervojoj en nia ŝtato, por transportado de kafsakoj el la interno de la lando en la havenon Santo (Santos). Tie loĝis la estroj kaj laboristoj de la entrepreno, kaj tie ili restis de la jaro 1860 ĝis 1946. La konstruado de la fervojo havas tre kuriozajn historiojn kaj la vilaĝo mem estas vera vivanta muzeo. La lignaj domoj kaj ceteraj konstruaĵoj, meze de belega arbarmontaro kaj konstanta nebulo, je altitudo de ĉirkaŭ 800 metroj, formas belan, pitoreskan panoramon.

Tuj post la Angloj, Portugaloj alvenis al Paranapiakabo por komercado. Ili tiam konstruis la alian parton de la vilaĝo, sur apuda monto. Ĉi tie la domoj estas brikaj, ĉe mallarĝaj sinuaj stratoj. Fervojo kuŝas meze, kaj apude impone staras anglastila turhorloĝo. En la tuta urbeto nuntempe loĝas iom pli ol 1000 homoj.



La turhorloĝo

Krom la arkitekturo, troviĝas pluraj aliaj vidindaĵoj. La Angloj konstruigis siatempe la unuan futbalkampon, kiu havas la oficialajn mezurojn, ĉar en la fervoja entrepreno laboris Charles Miller, la enportinto de tiu sporto en Brazilon. Troviĝas ankaŭ muzeoj, ekspozicioj kaj amaso da promenoj en parkoj, kie abundas padoj kaj kaskadoj. La turisma aspekto de la vilaĝo estas tiel alloga, ke la organizantoj de la kongreso decidis lasi



La indiana ŝtono

tri tagduonojn por ekskursoj, kiuj certe plaĉos al la Esperantistoj. La sidejo mem de la kongreso estos la bela antikva klubo *Lyra*, kiu disponigas tute taŭgajn instalaĵojn. Gastejoj jam estas kontaktitaj por ke oni havigu al la kongresanoj favorprezan loĝadon.

Al Paranapiakabo oni facile alvenas aŭtomobile, post 90-minuta veturado el la urbo San-Paŭlo. Per trajno oni alvenas el stacio *Brás*, en la ĉefurbo, ĝis la urbeto Alto-da-sero (Alto da Serra); el ĉi tie, al Paranapiakabo per aŭtobuso (entute 2-hora vojaĝo, proksimume).

La Estraro de EASP klopodas organizi kontentigan kongreson. La programo estos laŭeble varia kaj riĉa, kun prelegoj, rapidprelegoj, atelieroj, diskutoj kaj artaj prezentoj. Dum tri tagoj eblos praktiki nian lingvon, amuziĝi, kleriĝi kaj kunvivadi en amika etoso kaj agrabla medio. Ni esperas, ke la samideanaro amase, entuziasme ĉeestos!

La kongresejo



# Kiu timas poezion?
## (Kial libroj poeziaj vendiĝas tiel malmulte?)

**Maria Nazaré Laroca**

Kio plaĉas al la legantoj? Kion ili kutimas aĉeti? Ĝenerale librojn por distra tempopasigilo, kompreneble.

Nuntempaj homoj emas nur distriĝi, tio estas, deturni la menson de ĝiaj prizorgoj, agrable okupante, amuzante ĝin… La preferataj libroj precipe temas pri sekso, erotiko, perforto, aventuro, magio, fantazio (preferende plene de pasiaj vampiroj), komedio, scienca fikcio, plorīga romantikismo… kaj ankaŭ dubindaj psikologiaj verkoj pri memhelpo. Ĉiuokaze ili estas libroj, kiuj havigas al ni rapidan manĝon sen penado.

Aliflanke Poezio estas teksta tipo, kiu igas nin pensi la senton kaj senti la penson. Ĝi postulas la konstruadon de signifo en partnereco kun la aŭtoro, dum la interparolo inter la leganto kaj la poeto. Kaj tiu vojirado postulas kulturan pakaĵon kaj plezurigan penadon.

La Poeto Carlos Drummond de Andrade grave demandas pri la poezia komprenpovo: *Ĉu vi alportis la ŝlosilon?*

*Plialproksimiĝu kaj rigardadu la vortojn.*
*Ĉiu el ili havas mil sekretajn vizaĝojn sub la neŭtrala vizaĝo,*
*kaj ili vin demandas, sen zorgi pri la respondo,*
*povra aŭ riĉa, donota de vi:*
*Ĉu vi alportis la ŝlosilon?*

Tamen, kiu volas alfronti kreskantan defion eĉ kun la promeso pri ĝardeno de delicoj?

Do jen unu el du aferoj: aŭ Poezio liveras al ni plezuron, aŭ nin ĝenas; kvankam Poezio estas la esprimo de neesprimeblo: signifo-procezo, kiu elirigas nin el la vulgara grundo. Ĝi naskas la renkontiĝon kun la inspirplena lumigo, la vojo por transcendeco.

Per Poezio ni fariĝas estuloj pli homaj, ĉar flugante per ĝiaj filozofiaj flugiloj ni atingas la kavernojn de ni mem kaj malkovras oceanon da dormanta humaneco.

*Se vi bone priserĉos vi sukcesos trovi.*
*Ne la klarigon (dubindan) pri vivo,*
*Sed poezion (neklarigeblan) de vivo.*
(Carlos Drummond de Andrade)

Kaj mi finas mian artikoleton per mia ĉiutaga poezio:

*Ĉiutaga poezio*
*Flugilhavaj steloj poemas*
*Kaj venas sur mian ŝultron*
*Por ekparoli siatempe.*

*Aliaj versoj min vizitas,*
*Ekaperas ĉe la rondo,*
*Svingante flagojn vice*
*Kontraŭ mizerojn de l' mondo.*

*Sed ĉe mi rifuĝej' neeblas,*
*Do tuj ilin mi disdonas*
*Al l' amaskomunikiloj avidaj.*

*Tiel pri dolor' mi ne kantas:*
*Birdbabilon mi preferas*
*Kaj odoron de floroj flugantan en vento.*

# Sciencaj novaĵoj: sensilo por diagnozi dengon

Esploristoj el la Universitato de San-paŭlo kaj el la firmao *DNApta Biotecnologia* ellaboris sensilon, kiu kapablas diagnozi dengon antaŭ la apero de ĉi ties unuaj simptomoj.

La teknologio de la sensilo baziĝas sur la perelektra trovo de la proteino NS1. Tiu ĉi speco de proteino estas sekreciata de ĉiuj kvar tipoj de dengovirusoj, kaj ĝi estas trovebla en la sango de homoj infektitaj unuafoje aŭ je pliaj fojoj, de la dua ĝis la naŭa tago ekde la komenciĝo de la malsano. Tial ĝi estas bonega markilo de la infekto.

La avantaĝo konsistas en tio, ke per la proteino NS1 eblas diagnozi la malsanon pli frue, jam en la dua aŭ tria tago post la infektiĝo. La simptomoj komencas aperi, ordinare, ekde la sesa tago post la kulpiko.

La unua ŝtupo de la metodo konsistas el klonado de la proteinoj NS1 de ĉiuj kvar virustipoj, per gena manipulado de la bakterio *Escherichia coli*. Sekve, oni inokulas kokinojn per tiuj proteinoj, kio ebligas rikolti, el la ovoflavoj, grandajn kvantojn da antikorpoj kontraŭ tiuj proteinoj. Tiuj antikorpoj estas imunoglobulinoj de la tipo IgY.

La sensilo konsistas el ora elektrodo kun specimeno de IgY fiksita sur ĝi kaj referenca elektrodo kun konstanta elektra potencialo. Kontaktante la proteinon NS1, la elektra potencialo de la elektrodo kun IgY ŝanĝiĝas rilate al la referenca elektrodo, kio produktas elektran signalon. Ju pli alta estas la koncentro de la proteino NS1, des pli granda estas la diferenco inter potencialoj.

Komputilprogramo interpretas tiun signalon kaj indikas, post maksimume 30 minutoj, la rezulton, kiun oni povas ricevi en reala tempo per poŝtelefono aŭ tekokomputilo.

Provoj de la sensilo montris, ke ĝi kapablas trovi la proteinon NS1 je la minimuma koncentro de po 0,09 mikrogramoj en mililitro. Meznombre, la koncentro de NS1 en la sango de homoj infektitaj de dengoviruso estas po 2 mikrogramoj en mililitro, kio pruvas, ke la sensilo efike trovas tiun proteinon.

La metodoj plej ofte uzataj nuntempe ne konvenas por diagnozi la malsanon dum la unuaj tagoj post la infektiĝo, ĉiam oni ofte konfuzas la simptomojn kun tiuj de aliaj malsanoj.

Ekzemple, nombri sangoĉelojn aŭ mezuri la rapidon de sanga sedimentiĝo ne sufiĉas por konfirmi diagnozon pri dengo. La plej uzataj ekzamenoj baziĝas sur la trovo de antikorpoj de la tipoj IgG kaj IgM, sed povas esti aplikitaj nur ekde la sesa tago post la infektiĝo, ĉar la homa organismo komencas produkti specifajn antikorpojn kontraŭ NS1 nur en la kvina tago.

Aliflanke, la jam ekzistantaj molekulaj metodoj por diagnozi dengon per trovado de la proteino NS1, kvankam precizaj, estas ankoraŭ altkostaj kaj malsimplaj, kaj postulas trejnitajn homojn.

Tial la uzado de sensilo montras avantaĝojn kompare al la tradiciaj metodoj.

# Kaŝfeliĉo

**Clarice Lispector**
**Trad.: Francisco S. Wechsler**

Ŝi estis grasa, malalta, efelida, kun tro krispaj haroj, iom flavruĝaj. Ŝi havis rondegan bruston, dum ni ceteraj estis ankoraŭ platbrustaj. Kvazaŭ tio ne sufiĉus, ŝi pufigis la du bluzpoŝojn, sur la brusto, per bombonoj. Sed ŝi havis tion, kion deziras ajna infano avida je rakontoj: patron, kiu posedas librovendejon.

Malmulte ŝi profitis de tio. Kaj ni profitis ankoraŭ malpli: eĉ je naskodato, anstataŭ etkostan libreton, ŝi liveris al ni enmanen poŝtkarton el la vendejo de sia patro. Eĉ pli ĝene, ĝi montris pejzaĝon el Recifo[1] mem, kie ni loĝis, kun ĝiaj pontoj supersate vidataj. Sur la malantaŭo ŝi skribis per tre ornamitaj literoj vortojn, kiel "naskodato" kaj "resopiro".

Kielan talenton ŝi posedis por kruelaĵoj. De la verto ĝis la plandoj ŝi estis pura venĝemo, kaj brue suĉadis bombonojn. Kiel intense ŝi certe malamegis nin, kiuj estis nepardoneble beletaj, maldikaj, altetaj, kun neligitaj haroj. Sur min ŝi praktikis kun trankvila feroco sian sadismon. Pro mia avido legi, mi eĉ ne rimarkis la humiligojn, al kiuj ŝi submetis min: mi daŭre petegis, ke ŝi pruntedonu la librojn, kiujn ŝi ne emas legi.

Jen alvenis por ŝi la gravega tago, kiam ŝi plenumos rafinitan torturon sur min. Kvazaŭ hazarde ŝi sciigis, ke ŝi havas *La petolaĵoj de Nazinjo*, de Monteiro Lobato[2].

Ĝi estis dika libro, Dio mia, taŭga por vivadi kun ĝi, manĝigi ĝin, dormigi ĝin. Kaj tute super mia aĉetpovo. Ŝi ordonis min veni al ŝia hejmo en la sekva tago, kiam ŝi pruntos ĝin.

De tiam ĝis la sekva tago mi ja fariĝis la antaŭĝuo de ĝojo: mi ne vivis, sed naĝadis malrapide en milda maro, la ondoj portadis min tien kaj reen.

La sekvan tagon mi iris al ŝia domo, verdire kurante. Ŝi loĝis ne en dua etaĝo kiel mi, sed en domo. Ŝi ne enakceptis min. Fikse rigardante miajn okulojn, ŝi diris, ke la libron ŝi pruntis al alia knabino, ke mi revenu morgaŭ por ĝin preni. Gape, mi foriris malrapide, sed baldaŭ espero denove ekregis min, kaj mi rekomencis mian saltpaŝadon surstrate, kiu estis mia stranga maniero iri sur la Recifaj stratoj. Ĉi-foje mi eĉ ne falis: gvidis min la promeso pri la libro, la sekva tago venos, la sekvaj tagoj fariĝos poste mia tuta vivo, la amo al la mondo atendas min, mi saltpaŝis surstrate kiel ĉiam, kaj ne falis eĉ unufoje.

Sed la afero ne limiĝis al tio. La sekreta plano de la filino de la posedanto de la librovendejo estis insida kaj diabla. La sekvan tagon jen mi staris ĉe la pordo de ŝia hejmo, kun rideto kaj batanta koro. Por aŭdi la trankvilan respondon: la libro ankoraŭ ne estas kun ŝi, mi revenu morgaŭ. Mi apenaŭ sciis, ke pli malfrue dum mia vivopaso, tiu dramo de la "sekva tago" ripetiĝos dum mia koro batados.

Kaj tiel daŭris la afero. Kiom longe?

Mi ne scias. Ŝi sciis, ke temas pri nedifinita tempo, dum la galo ne plene elfluos el ŝia dika korpo. Mi jam komencis diveni, ke ŝi elektis min kiel suferonton, kelkfoje mi divenas. Sed, eĉ diveninte, kelkfoje mi akceptas: kvazaŭ tiu volanta suferigi min malespere bezonas, ke mi suferu.

Dum kiom da tempo? Ĉiutage mi iris al ŝia domo, ne preterlasante eĉ unu tagon. Iafoje ŝi diris: nu, la libro estis kun mi hieraŭ posttagmeze, sed vi venis nur hodiaŭ matene, do mi pruntis ĝin al alia knabino. Kaj mi, kiu ordinare ne havis okulringojn, sentis, ke ringoj fosiĝas sub miaj miregantaj okuloj.

Fine unu tagon, kiam mi staris ĉe la pordo de ŝia domo, aŭskultante humile kaj silente ŝian rifuzon, ekaperis ŝia patrino. Ŝajne ŝi trovis stranga la mutan kaj ĉiutagan venon de tiu knabino al la pordo de ŝia domo. Ŝi petis klarigojn de ni ambaŭ. Estiĝis silenta konfuzo, interrompata per apenaŭ klarigaj vortoj. La sinjorino trovis pli kaj pli stranga la fakton, ke ŝi ne komprenas. Fine tiu bonkora patrino ekkomprenis. Ŝi turnis sin al la filino, kaj kun grandega surpriziĝo ekkriis: sed tiu libro neniam eliris el ĉi tie, kaj vi eĉ ne deziris legi ĝin!

Kaj la plej ĉagrena fakto por tiu virino ne estis malkaŝi, kio okazas. Verŝajne ĝi estis la terurplena eltrovo, ke tian filinon ŝi havas. Ŝi observadis nin silente: la potencan malicegon de sia nekonata filino kaj la blondan knabinon starantan ĉeporde, elĉerpitan, blovatan de la Recifaj ventoj. Fine reregante sin, ŝi diris firme kaj trankvile al la filino: tuj pruntu la libron. Kaj al mi: 'Kaj vi konservu la libron, kiom longe vi deziros." Ĉu vi ĉiuj komprenas? Tio valoris pli multe, ol donaci al mi la libron: "kiom longe vi deziros" estas ĉio, kion homo, plenkreskulo aŭ infano, povus aŭdaci deziri.

Kiel rakonti, kio sekvis? Mi sentis kapturnon, kaj en tiu stato mi ricevis la libron enmanen. Ŝajnas, ke nenion mi diris. Mi prenis la libron. Ne, mi ne foriris saltante, kiel ĉiam. Mi foriris tre malrapide. Mi scias, ke mi tenadis la dikan libron per ambaŭ manoj, premante ĝin kontraŭ la bruston. Ankaŭ malgravas, kiom da tempo mi bezonis por alveni hejme. La brusto estis varma, la koro, pensplena.

Alveninte hejme, mi ne eklegis. Mi ŝajnigis, ke mi ne havas la libron, ĝuste por sperti poste la surprizegon ĝin rehavi. Post kelkaj horoj mi malfermis ĝin, legis kelkajn ravajn liniojn, refermis, promenis tra la domo, prokrastis la aferon ankoraŭ pli, irante manĝi panon kun butero, ŝajnigis, ke mi ne scias, kien mi metis la libron, retrovis ĝin, malfermis ĝin kelkmomente. Mi elpensis la plej malverajn barojn por tiu kaŝafero, kiu estas feliĉo. Ekde tiam feliĉo restos kaŝa por mi. Ŝajne mi antaŭsentis. Kiom longe tio daŭris! Mi ŝvebis en la aero… Ekzistis fiero kaj pudoro en mi. Mi estis delikata reĝino.

Kelkfoje mi sidadis en hamako, balancante min kun la libro malfermita sur la femuroj, ne tuŝante ĝin, en purega ekstazo.

Ne plu knabino kun libro: mi estis virino kun ŝia amoranto.

Notoj

[1]La ĉefurbo de la ŝtato Pernambuko, en la Brazila nordoriento.
[2]Klasika porinfana libro verkita de Brazila aŭtoro Monteiro [monTEJro] Lobato.

# La stumbliga vorteto *ke*

**Francisco S. Wechsler**

Aŭskultante Brazilajn Esperantistojn aŭ legante tekstojn de ili produktitajn, oni ofte trovas erarajn frazojn, similajn al la jenaj: *la libro, ke mi legas ne plaĉas al mi*; *viroj estas ordinare pli altaj ke virinoj*; *ke Dio benu vin!* Tiaj eraroj, ordinare troveblaj ĉe komencantoj aŭ fuŝlernintoj, fontas el rekta traduko de la respondaj Portugallingvaj frazoj, en kiuj oni uzas la vorteton *que*.

Verdire, temas pli du malbonaj kutimoj: a) traduki Esperanten, anstataŭ pensi Esperante; b) nescii aŭ eĉ ignori, ke la Portugallingva *que* havas multajn malsamajn signifojn, ĉiun el kiuj Esperanto esprimas per specifa vorto aŭ vortkombino. Se vi dubas pri la abundo da tiaj signifoj, konsultu, ekzemple, la Portugala-Esperantan vortaron de Allan Kardec Afonso Costa aŭ tiun de Tulio Flores.




Notindas, ke la menciitaj eraroj koncernas preskaŭ ĉiam la uzadon de la tiel nomataj k-tabelvortoj (*kio*, *kiu*, kies ktp.) en subfrazoj, uzado kiu prezentas pli da malfacilaĵoj al lernantoj ol en demandoj.

Ni do ekzamenu kelkajn ekzemplojn — espereble lernigajn —, kiujn ĉiam sekvas la respektiva korekto. Tre instruajn klarigojn pri rilataj tabelvortoj liveras la *Plena Manlibro de Esperanta Gramatiko*. Ankaŭ la antikva, sed fidinda *Esperanto sem Mestre* meritas konsulton ĉi-rilate.

Jen la unua ekzemplo: *homo, ke konstruas domon per brikoj estas masonisto*. Ĝusta formo: *homo, kiu konstruas domon…* (La vorteto *ke* ne povas roli pronomece; alivorte, ĝi ne povas anstataŭi substantivon aŭ alian pronomon; ĉi-cele oni uzu la tabelvorton *kiu*.)

*La bestoj, ke ni vidis salti de arbo al arbo, estas simioj*. Ĝusta formo: *la bestoj, kiujn ni vidis salti…* (Pro la sama kialo, oni anstataŭigu *ke* per *kiujn*, en la multenombro, ĉar tiu ĉi tabelvorto rilatas al pli ol unu besto; aldone, ĝi ricevas la n-finaĵon, ĉar en la koncerna frazparto *kiujn* estas rekta objekto de *vidis*.)

Jen plia ekzemplo: *ke speco de homo estas li?* Diru anstataŭe: *kia speco de homo…* (aŭ eble: *kiu speco de homo…*). La vorteto *ke* ne povas roli kiel adjektivo.

Ankaŭ kiam temas pri komparoj, oni ne rajtas uzi *ke*. Do anstataŭ: *Petro estas pli sagaca ke Paŭlo*, diru: *Petro estas pli sagaca ol Paŭlo*. Anstataŭ: *Petro frekventas la saman lernejon, ke Paŭlo*, uzu la formon: … *kiel Paŭlo*.

Ĉe temp-esprimaj frazoj, Brazilanoj ofte emas misuzi *ke*; ekzemple: *post ke la ludo finiĝis, ni ĉiuj iris manĝi picon*. Diru anstataŭe: *post kiam la ludo finiĝis…* (Ankaŭ eblas la malofte uzata formo: *post ol la ludo finiĝis…*). Jen alia ekzemplo: *pripensu viajn vortojn, antaŭ ke vi komencos la paroladon*. Ĝustaj formoj:

*pripensu viajn vortojn, antaŭ ol vi komencos…*; aŭ: *… antaŭ ol komenci…*; aŭ eĉ: *… antaŭ kiam vi komencos…* Tiu ĉi lasta esprimo estas tamen malofte uzata. Anstataŭ: *post ke Petro ellernis la uzadon de tabelvortoj, li neniam plu eraris*, diru: *post kiam Petro ellernis la uzadon…*; aŭ, pli elegante: *ellerninte la uzadon de tabelvortoj, Petro neniam plu eraris.* (Teorie ankaŭ eblus: *post ol ellerni la uzadon…*, sed tiu ĉi formo estas apenaŭ trovebla.) Do bonvolu ne plu erari!

Ankaŭ en simplaj dezir-esprimaj frazoj, oni ne uzu la vorteton *ke.* Do ne diru: *ke Dio rekompencu vin!*, sed korektu ĉi tiun frazon al: *Dio rekompencu vin!* Kontraste, estas tute ĝusta la frazo: *mi petas de Dio, ke Li rekompencu vin!* aŭ: mi deziras, ke Dio rekompencu vin! Ĉi tie *ke* enkondukas frazon, kiu funkcias kiel rekta objekto de *petas*).

Ni glore finas ĉi tiun liston de eraroj per la "ĉampiono de l' ĉampionoj": *koko estas birdo, ke la laŭta matena kanto vekas dormemulojn*. Ĉi tiu kriplega sintakso fontas el du kaŭzoj. La unua estas la jam menciita misuzo de *ke* kiel pronomo. La dua kaŭzo estas, en la Brazil-Portugala, unu bedaŭrinde tre ofta eraro, kiun oni importas Esperanten: alivorte, miskompreno pri la roloj de *que* kaj *cujo*. Diru anstataŭe: *koko estas birdo, kies laŭta matena kanto…* Ambaŭ lingvoj kore dankos vin!

Resume: supraĵa lernado kaj la kutimo traduki el sia nacilingvo kaŭzas tiajn kaj alispecajn erarojn. Studi gramatikon kaj praktiki la ĝustajn formojn ja necesas, eĉ se tiuj taskoj estas penigaj. Saĝe asertas ĉi tiun veron la jenaj proverboj: *Ne gutas mielo el la ĉielo;* kaj: *Rostita kolombeto ne flugas al buŝeto.*

Fininte telefonan konversacion kun mia 90-jara patrino, mi suspiris, kaj poste diris al mia 96-jara onklo: "Ŝi estas terure obstina."

Li konsente kapjesis, kaj avertis min: "Vi alfrontos problemojn, kiam ŝi maljuniĝos."

Kiam la gorilo de bestoĝardeno mortas, la estro dungas aktoron por surporti kostumon kaj konduti kvazaŭ simio, ĝis la bestoĝardeno sukcesos akiri alian gorilon.

En la kaĝo, la aktoro grimacas, svingiĝas kaj altiras grandegan homamason. Li rampas tra dividilo kaj sur la supron de la leonkaĝo, furiozigante tiun beston. Sed la aktoro plu rolas — ĝis li miskaptas stangon kaj falas en la leonkaĝon.

Terurate, la aktoro ekkrias: "Helpon! Helpu min!" Jam tro malfrue. La leono sin ĵetas kontraŭ lin, malfermas sian kolosan faŭkon, kaj flustras: "Silenton! Ĉu vi volas, ke ni ambaŭ estu maldungitaj?!"

Katoj estas pli ruzaj ol hundoj: neeblas konvinki ok katojn ope tiri sledon sur neĝo.

# Movimento esperantista

## Aparecida Araújo

### Alonso não mais entre nós

Depois de alguns meses afastado para tratamento de problema cardíaco, faleceu no dia 28/12/2014, aos 61 anos, Alonso Bezerra Lima (1953–2014), 1º Secretário na atual Diretoria da EASP. Para ele sempre foi motivo de orgulho ter nascido no Sertão do Araripe, em Pernambuco, e ter-se tornado Esperantista e Cidadão do Mundo.



A Associação Paulista de Esperanto lamenta tão grande perda e apresenta aos familiares e amigos as mais sinceras condolências. (*Kuriero 145*)

### 9º Congresso Paulista de Esperanto

A Vila de Paranapiacaba, tombada pelo Patrimônio Histórico, fundada por ingleses em 1865, quando da construção da primeira ferrovia do Estado de São Paulo, sediará o 9º Congresso Paulista de Esperanto que acontecerá de 10 a 12 de outubro de 2015.

Localizada a 50 km de São Paulo, no topo da Serra do Mar, este vilarejo tipicamente britânico, com construções em madeira, é constantemente coberto por uma névoa, que torna sua atmosfera parecida com a de Londres.

Membros da Diretoria da EASP, que já visitaram a Vila duas vezes, com o organizador local Cândido Ruiz, já trabalham no encaminhamento das providências, e muito em breve serão divulgadas novas informações. Aguardem e participem!!! (*Kuriero 144*)

### 100º Congresso Universal de Esperanto

O Centésimo Congresso Universal de Esperanto acontecerá na Cidade de Lille, na França, de 25 de julho a 01 de agosto de 2015. Lille é vizinha de Boulogne-sur-Mer, cidade onde aconteceu, em 1905, o primeiro Congresso.

O tema será *Linguas, artes e valores em diálogo entre culturas*.

Até 27/03, já somavam 2082 inscritos de 72 países (`www.lille2015.fr`).

### Visita a batalhão e escola de bombeiros

Em janeiro de 2015, recebemos em São Paulo a visita da esperantista russa, Tatjana Loskutova, que veio ao Brasil pela primeira vez, a turismo, e também para participar do 50º Congresso Brasileiro de Esperanto, no Rio de Janeiro. Pelo fato de trabalhar como professora de Francês, na Academia de Formação de Bombeiros, da sua cidade Ivanovo, ela manifestou o desejo de conhecer a escola de formação de bombeiros de São Paulo, para o que Diretoria da EASP contatou o

esperantista Tenente Mauro Nepomuceno, que conseguiu agendar duas visitas especiais para a nossa hóspede.

A primeira, em 10/01, foi ao 17º Batalhão de Bombeiros, de Mogi das Cruzes, onde um grupo de 15 esperantistas de São Paulo foram recebidos pelo Tenente Mauro, com programação especial de apresentações de treinamentos e exercícios dos Bombeiros. Também foi oferecido almoço e lanche da tarde para todos. O Comandante, Major Jean Carlos, veio pessoalmente cumprimentar a russa visitante.



A segunda visita foi à Escola Superior de Formação de Bombeiros, na cidade de Franco da Rocha, na Grande São Paulo, que atualmente é modelo e a maior no seu gênero na América Latina. Nesta visita, Tatjana foi acompanhada de quatro bombeiros de Mogi das Cruzes, entre eles o Tenente Mauro, e dois Diretores da EASP. Ela foi recebida pelo Major Ramos, a quem, em nome do seu general, fez o convite para que representantes desta Escola visitem a Academia de Formação de Bombeiros, na cidade de Ivanovo, Rússia, com a finalidade de troca de experiências entre as duas Instituições. Imediatamente foi constatado que o



maior desafio para este intercâmbio é a barreira da língua, para o que o Esperanto pode ser boa solução.

## Clube Poliglota São Paulo

O Clube Poliglota São Paulo, fundado em dezembro de 2014, faz parte da rede Polyglot Club, que começou em Paris, com encontros semanais, e já forma uma rede com mais de 450.000 membros no mundo inteiro! O intuito é aproximar amantes de idiomas estrangeiros, ajudando a refinar suas habilidades, além de aproximar os estrangeiros dos nativos. O grupo acolhe pessoas dispostas a conversar em qualquer idioma e em qualquer nível de aprendizado. Não é necessário ser poliglota para se juntar ao grupo: quer você esteja na sua segunda ou décima língua, será igualmente bem-vindo! Também não há limite de idade!

Um grupo de Esperantistas, sob a co-



ordenação de Karina Oliveira, tem participado dos encontros em São Paulo, que aconteceram nos meses de janeiro, fevereiro e março, no Centro Cultural de São Paulo, Estação Vergueiro do Metrô (`www.facebook.com/poliglotasaopaulo`). *(Kuriero 150)*.

## Assembleia Geral Ordinária

Realizou-se no dia 28/02/2015, na sede da EASP, Assembléia Geral Ordinária, onde foi apresentado o Relatório Anual de 2014, que pode ser consultado em `http://easp.org.br/informado/asembleo/easp-jarraporto2014.pdf`. (*Kuriero 151*)

## Esperantistas

Em novembro de 2014 surgiu a informação do lançamento de um documentário, em forma de revista em quadrinhos, sobre o fenômeno dos falantes nativos de Esperanto. O cartunista americano Dan Mazur publicou a história em setembro como parte da antologia de HQ sobre o tema *Subculturas*. Eis uma faceta do mundo esperantista também digna do conhecimento do público geral, tanto mais que os entrevistados são apresentados como pessoas comuns se relacionando normalmente com a língua internacional Esperanto.

O fato é que as pessoas com alguma experiência com o Esperanto não demoram muito a valorizar a diversidade cultural dos seus falantes e sem muito esforço reconhecem a superioridade desta língua como instrumento de comunicação internacional. Alguns, no entanto, parecem não gostar muito de compartilhar essa rica e única experiência linguística com um público mais amplo; outros, ao contrário, não param de resmungar o tempo todo contra aqueles que se contentam com o insulamento do Esperanto. Assim é o Esperanto — uma língua incomum, mas que tem muito em comum com as línguas comuns!

Objetivando uma divulgação maior deste material, a EASP propõe os descontos abaixo para pedidos a partir de 25 exemplares:

Desconto de 15% para pedidos de 25 até 49 exemplares (unitário: R$ 1,06).

Desconto de 20% para pedidos de 50 até 99 exemplares (unitário: R$ 1,00).

Desconto de 25% para pedidos de 100 até 199 exemplares (unitário: R$ 0,93).

Desconto de 30% para pedidos acima de 200 exemplares (unitário: R$ 0,87). (*Kuriero 149*)




La lastan sabaton
de ĉiu monato
en ĝia sidejo




1,25

OFERTO!

# Bildrakonto en la portugala

**pri esperantaj denaskuloj**

Tradukita el la angla.
Formato: 6 x 23 cm
12 paĝoj nigraj-blankaj

Rabatoj por mendoj ekde 25 ekzempleroj.

Pliajn informojn en la retbutiko de EASP.

**easp.org.br/butiko**

# Paranapiakabo atendas vin oktobre!










9a Esperanta Kongreso
de la Ŝtato San-Paŭlo

10 - 12 oktobtro 2015

Informoj kaj aliĝilo:
easp.org.br/paranapiacaba

contato@easp.org.br